## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Individuaj anoj de I.E.L. pagas nur po 2 guld. por jaro.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Bulgarujo** | 120 | levoj. |
| **Ĉeĥo-Moravujo** | 20 | kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin:

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 9715, nur sub nomo de Sro. A. van Hage, Veendam (Nederland).

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** Brita Esperanto-Asocio, 142, High Holborn, LONDON, W.C.I.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au Collège de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** „Spiktur" 50 Str. Alabin SOFIA. Poŝtc.konto No. 3616.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 6 B. Mo-Pan-San. Ching-hung Street, JUNNANFU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto: No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto: 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto: Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ, Kralj. ban. UPRAVA IV, LJUBLJANA.

**Kanada:** Aleksandro. E. C. N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). (Pagi al van Hage.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ. Poŝtkonto No. 406284.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj:

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

## Agento de I.P.R.

**Ĉeĥo-Morava:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio. Poŝtĉekkonto 114.322.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

18-a jaro (Numero 3) 1939.

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Adreso por redaktado kaj administrado:
T.A.G.E.-oficejo, Schoolstraat 13. Veendam. (Nederlando.)

Prezidanto de TAGE: W. RUSSELL HAMILTON. The Grammar School HEMSWORTH: Nr. Pontefract, Yorksh. (Anglujo).
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gron.) (Nederlando).
Kasisto: A. VAN HAGE. Zuidwending. Veendam (Nederlando). Poŝtkonto No. 9715.

Koresponďoficejo: K. H. SPORTEL, Nieuw-Scheemda (Gr.) (Nederlando).

## Raporto pri nia asocio.

Bedaurinde estas, ke la raporto pri la stato de nia asocio ne povas esti „tre" optimisma. Eble vi opinias, ke tio rezultiĝas el la financa stato? Ne, tiu estas ankoraŭ sana, kvankam malforta! Eble, konsiderinte la liston kun la anaro en diversaj landoj, kaj leginte tie nur 362 membrojn, vi pensas, ke nia laborkomitato el tiu fakto ĉerpas sian ne-optimismon? Ankaŭ ne, kvankam tiu nombro tute ne estas kontentiga rilate la grandan nombron de gekolegoj, kiuj studis nian lingvon!

Ne, ne! Sed alia fenomeno maltrankviligas nin; nome: la **indiferenteco** de niaj anoj, koncerne la agojn de nia asocio. Kaj tiu indiferenteco verkigis nin la artikolon sub titolo: „Nova vojo", en la 6a numero 1938a.

Vero estas, ke oni ne kritikis la agadon de la laborkomitato, kaj el tio ĝi povus konkludi ke *„ĉio marŝas bone"*. Sed aliflanke preskaŭ neniu helpis ĝin kaj montris ian viglecon rilate al nia afero, kaj tial la laborkomitatanoj demandis al si ĉu la anoj sufiĉe konscias pri la ekzistado kaj agado de sia asocio, en tiu grado, ke daŭrigado de la nuna labormaniero estas pravigebla.

La jenaj demandoj anonciĝis al ni:

1. Ĉu ni daŭrigu la laborojn tiel, kiel ni ĝis nun faris?
2. Ĉu ni „restarigu" T.A.G.E. sur alian bazon?
3. Ĉu estas pli bone transdoni la gvidadon al alia sekcio (angla aŭ sveda)?
4. Kiel ni povos venki la indiferentecon de niaj anoj?
5. Ĉu kulpas iu? iuj? io?

Tiuj demandoj, aŭ problemoj se vi preferas, anonciĝis ĉar:

1. En la lastaj 6 jaroj T.A.G.E. ne kreskis. Multaj novaj anoj venis en niajn vicojn, sed ankaŭ multaj forlasis nin, kvankam instruista asocio ne estas bagatelaĵo en la kadro de la ĝenerala movado.

2. La redaktado de I.P.R. estas treege malfacila, ĉar preskaŭ neniu sendas artikolojn por ĝi.
3. Oni ne respondis nian „korkrion" en la lasta numero 1938a „Nova vojo", kvankam ni tie sufiĉe detale priskribis nian embarason kaj petegis pri respondo.
4. Malgraŭ plurfoja komuniko pri nia fakkunveno en Bern, ĝis nun **neniu** skribis al ni pri tio, kaj ni ne povas kredi ke neniu el niaj anoj ne iros tien.
5. Oni preskaŭ nenion respondis pri kunlaboro al nia T.A.G.E.-biblioteko, kaj ni ne povas kompreni, ke nenie taŭga manuskripto aŭ tradukaĵo estas trovebla.
6. Por la rubriko: „T.A.G.E.-tribuno", kie ĉiu kolego povas tute libere sin esprimi rilate al la gvidado de nia asocio, deziroj kaj interesoj, ni ricevis **nenion**. Kaj ĝuste tia rubriko povos doni al ni ĉiuj, vi kaj ni, la necesajn stimulojn.
7. Kaj, kaj, kaj.....!!

En la jam menciita artikolo ni skribis:

„Kie la kaŭzo? Se vi scias la kaŭzon, vi kunkulpos, se vi silentos!

Gekolegoj, kion vi farus, se vi sidus sur nia seĝo?"

Vi finis tie, per la vortoj, kiujn ni ĉi tie volas ripeti: **„La parolo nun estas al vi!"**

En la lasta tempo T.A.G.E. perdis anojn en la iama Aŭstrujo kaj Ĉeĥo-Slovakujo. Ĉi tie ni nur konstatu la fakton!! Ne pli! Sed ĉu vi povos plenigi tiun breĉon?

La demando por nia asocio jenas; „Esti aŭ ne-esti!" Vi decidu. Sed se via respondo estas „Ĝi estu!" tiukaze vi havas la devon zorgi ke ĝi **povas** esti.

T.A.G.E.-anoj (1 Jan. '39).

| | | | |
|---|---|---|---|
| Alĝerio | 1 | Hispanujo | 1 |
| Aŭstralio | 1 | Hungarujo | 2 |
| Belgujo | 2 | Japanujo | 2 |
| Brazilo | 1 | Jugoslavujo | 9 |
| Britujo | 29 | Kanado | 1 |
| Bulgarujo | 28 | Latvolando | 5 |
| Ĉeĥoslovakujo | 45 | Litovujo | 6 |
| Ĉilio | 1 | Nederlando | 60 |
| Ĉinujo | 2 | Ned. Hindujo | 3 |
| Danujo | 10 | Norvegujo | 4 |
| Egiptujo | 1 | Polujo | 7 |
| Estonujo | 18 | Danzig | 1 |
| Finnlando | 5 | Portugalujo | 2 |
| Francujo | 14 | Svedujo | 91 |
| Germanujo | 2 | Svisujo | 1 |
| Greklando | 1 | Usono | 6 |
| | | Totale | 362 |

Financa raporto de T.A.G.E. dum la jaro 1938a.

| **Enspezoj :** | | **Elspezoj :** | |
|---|---|---|---|
| Saldo 1937a | fl. 248.80 | Presejo I.P.R. | fl. 358.— |
| Kotizoj | | Ekspedo I.P.R. | 56.12 |
| (minus monŝanĝo) | 478.80 | Materialo por ekspedo | 13.— |
| Estona numero | 52.78 | Kostoj administranto | 81.44 |
| Subvencio | 50.— | Kostoj sekretario | 12.33 |
| Diversaj | 2.15 | Kostoj kasisto | 15.54 |
| Tage-Biblioteko | 1.50 | Kotizo Oficejo Amsterdam | 3.70 |
| | | Kunvenoj | 18.70 |
| | | Diversaj | 1.42 |
| | | Tage-Biblioteko | 1.— |
| | | Saldo | 272.78 |
| Totale | fl. 834.03 | Totale | fl. 834.03 |

# Kion nederlanda ŝtata inspektoro de la elementa instruado diras pri Esperanto.

En sia jarraporto la inspektoro de la elementa instruado en Amersfoort diras :

„Kiam en 1932 par. 2a. de la leĝo pri elementa instruado kompletiĝis per la alineo : „Tie, kie flanke de la nederlanda lingvo regiona lingvo vivas, al la fako „legado kaj ned. lingvo" ankaŭ kelka scio de tiu regiona lingvo povas aparteni," tiam ĉiuj bonaj ne-frisaj Esperantistoj volonte malenviis tiun profiton al la frisa lernejo. Ni sciis, pri kio temis, kaj kien tio kondukis. Temis pri la regionaj interesoj.

Dum la pritraktado de ĉi tiu leĝo oni preterpase priparolis la eblecon de enkonduko de Esperanto. Ŝajnas al mi, ke kun ĉi tiu estonta mondlingvo grandaj interesoj de internacia graveco estas ligitaj. Senĉese pli klariĝas, ke Esperanto havas grandan estontecon. La franca lingvo povas resti la lingvo de la diplomatio, la angla la lingvo de la internacia komerco, neniu de ĉi tiuj du lingvoj iam povas fariĝi la lingvo de la internacia interrilato de la popoloj. Tiu privilegio ŝajnas esti rezervita por la mondhelplingvo Esperanto. En la konvinko, ke en antaŭvidebla tempo — ankaŭ sub influo de la radio — la Esperanto tempo venos, kaj profunde konvinkita de la veraĵo en la esprimo „gouverner c'est prévoir" (regi estas antaŭvidi), mi en ĉi tiu jaro volonte forte kunlaboris al la klopodo, kiun oni faris en Amersfoort, enkonduki Esperanton ĉe la geinstruistoj. Ĉar

ili, precipe la junaj, devas esti pretaj, por instrui la mondhelplingvon, kiam iutempe la okazo ekzistas, ke Esperanto rajtas esti instruata en la 7a kaj 8a lernjaro kaj en la duagradaj klasoj. Se en la komenco de 1937 la Esperantistoj farus propagandon iom pli energie por „Esperanto kiel lernfako", tiuokaze jam tiam estus kelka ebleco de enkonduko, ĉar oni ŝanĝis par. 2an. Nun certe daŭras dek jarojn, ĝis oni denove ŝanĝos ĝin. Sed tiam la Esperantistoj havos la parolon.

Cetere, tio ankaŭ estas psikologie natura vojo. Jam multajn jarojn niaj lernejoj partoprenis en la „internacia lerneja korespondado", ofte pere de iu traduk- aŭ sendinstituto. Esperanto estus la lingvo de la „aktiva" lernejo. Per tio la lernejoj povus kontakti rekte, kio por la interfratiĝa ideo estus io tute alia ol pere de nenatura kontakto de la traduk-instituto."

---

Ni urĝe petas, ke vi danku ĉi tiun aŭtoritatulon pro lia valora helpo kaj sendu al li Esperantaĵojn, precipe pri instruado. Adreso: L. W. van Loon, Inspektoro de la Instruado, Amersfoort, Nederlando.

---

# Helpu la rifuĝintojn !

La norvega poŝto antau iom pli ol unu jaro eldonis serion de kvar markoj kun alpago, kiu estas uzota por la rifuĝintoj pere de la Nansenkontoro en Ĝenevo. La markoj estas grandformataj kaj portas la bildon de la granda norvega homarano kaj sciencisto. Ankoraŭ estas limigita kvanto havebla de tiuj markoj, kiuj jam havas grandan filantelistan valoron R.M. 8.25 laŭ katalogo Michel. Se vi sendos al Gazetara Komitato de N.E.L., Boks 353, Stabekk, Norvegujo, 4 respondkuponojn, ĝi sendos al vi la tutan serion sur rekomendita koverto, bele stampita. Trionon de la sumo ricevos la Nansenkontoro.

---

# Dekjaro de Esperanto-kursoj en ŝtata gimnazio.

**Eksterordinara solenaĵo honorigita de ĉeesto de Prof. D-ro Bujwid.**

La 19-an de decembro je la 12-a horo okazis en la aŭlo de l' ŝtata gimnazio je la nomo de Marŝalo Pilsudski en Bydgoszcz (Polujo) la bela solenaĵo, kiun honorigis persone Prof. D-ro ODO BUJWID el Krakovo. La estiminda gasto alvenis Bydgoszcz'on speciale por ĉeesti en ĉi tiu solenaĵo, kiu estis aranĝita pro la fermo



de la 27-a Cseh-metoda kurso de Esperanto sub la gvido de Prof. SYGNARSKI.

Post tutnokta laciga vojaĝo alvenis matene Prof. Bujwid per rapidvagonaro kaj enloĝiĝis ĉe Prof. S. Ripozinte iomete la ŝatata

gasto vizitis antaŭ ĉio la urbprezidanton s-ro BARCISZEWSKI, kiu ĝis nun jam kelkfoje montris, ke li bone komprenas kaj scias helpi nian aferon. Dank' al lia afableco Prof. Bujwid povis viziti unu el la plej modernaj sanigejoj en Polujo — la urban hospitalegon.

Tuj post ĉi tiu vizito la scienculo alvenis al la ŝtata gimnazio por esprimi al s-ro direktoro POLAKOWSKI sian dankon, ke li tiel zorge kulturas en sia gimnazio la ideon, kies nomo estas ESPERANTO. La enirantan en grandegan aŭlon s-ron Prof. Bujwid salutis ĉiuj ĉeestantoj per varmaj aplaŭdoj. S-ron urbprezidanton, kiu ne povis partopreni en la solenaĵo, anstataŭis D-ro BELZA, la direktoro de la Urba Biblioteko. Krom ankoraŭ kelkaj eminentuloj ĉeestis la solenaĵon dekkelkaj reprezentantoj el pedagogia mondo, gepatroj de la lernantoj kaj la plej multnombra junularo.

La solenaĵon malfermis direktoro de gimnazio kaj liceo s-ro POLAKOWSKI, bonvenigante en koraj vortoj Prof. ODO BUJWID. La parolinto menciis i. a., ke la eminenta gasto, tiel meritplena sur la kampo de scienco, kiu devas servi al la tuta homaro, estas samtempe la pioniro en propagando de Esperanto. En ĉi tiu lingvo li kaj liaj adeptoj vidas la eblecon de kultura kunvivo de diversaj nacioj kaj aliflanke la eblecon forigi el internacia vivo malamon kaj diversajn miskomprenojn, kiuj fariĝas en nunaj tempoj danĝera ardaĵo por la tutmonda paco. Sian belegan paroladon s-ro POLAKOWSKI finis, vivuante je honoro de Prof. BUJWID.

Poste sekvis la Esperanta parolado de liceano LEWICKI, kiu kiel nuna prezidanto salutis Prof. B. en la nomo de Gimnazia Esperanta Rondo. Dankante pro simpatiaj kaj varmaj vortoj, direktitaj al li, la kortuŝita gasto en sia pli longa parolado certigis la aŭskultantaron, ke la disvolviĝo de Esperanto paŝas ne rapide, sed konstante. Bydgoszcz, dank' al pionira laboro de Prof. SYGNARSKI, akiris honore la unuan lokon en la tuta Polujo.

Nun komencis Prof. S. la „Esperantan Konversacion" kun siaj 90 lernantoj, kiuj respondis „forte, kuraĝe kaj elegante". Li adiaŭis la kursanaron, petante ilin, ke ili ne ĉesigu la studadon de la utila lingvo. Unu el la lernantoj, kiuj dum la konversacio promesis solene al sia profesoro „neniam forgesi Esperanton", dankis al li en bela paroladeto por la valora „donaco". La konversacio finiĝis per disdono de 60 atestoj kaj 20 valoraj libro-premioj al la plej diligentaj lernantoj. Prof. BUJWID honorigis ĉiujn premiitojn per manpremo, enmanigante samtempe oferitajn de li mem kaj de ges-roj JAYET el Morges belajn legolibrojn.

Ĉe fino de la solenaĵo direktoro POLAKOWSKI esprimis al Prof. SYGNARSKI sian dankon pro lia fruktoplena kaj sensalajra laboro, kaj ĉiuj kursanoj faris al sia gvidanto emociplenan ovacion. La solenaĵo finiĝis per kantado de l' esperantista himno.

---

# El la instruista mondo.

Ni ricevis la raporton de la jarkunveno de F.I.A.I. (Fédération Internationale des Associations d' Instituteurs), en Kopenhago, 22e—24e de julio 1938. Ĝi estas preskaŭ libro, tre leginda, sed ni nur volas raporti pri unu pritraktita temo, nome: interŝanĝo de lernantoj.

Oni demandas, ĉu ne estas eble organizi infankunvenojn kiel la Jamboreon de la skoltoj. Se jes, kun infanoj de kiu aĝo? Ĉu oni interkompreniĝos per Esperanto?

La Nederlanda Asocio de Geinstruistoj akcentas la sukceson de vojaĝoj de nederlandaj lernantoj en Belgujo, Anglujo, Norvegujo, kaj la koran ricevon de anglaj kaj belgaj infanoj en Nederlando.

La interŝanĝo estas plej facila, samtempe plej utila, kiam la lingvoj estas parencaj. Ekz. inter Estonujo kaj Finnlando, aŭ inter la landoj skandinaviaj.

Sed la lingva problemo restas tre grava. Pro tio oni demandos: Ĉu ne estus utile instrui iun lingvon fremdan aŭ Esperanton al la lernantoj de la lastaj jaroj de la elementa lernejo?

„Esperanto, malgraŭ ĉio, kion la esperantistoj faros por provi la praktikan valoron kaj por pligrandigi la uzadon, malgraŭ la adhero de kelkaj eminentuloj de la scienco, ankoraŭ ne sukcesis akiri grandan intereson. Oni daŭrigas preferi por la interŝanĝo de landoj la grandajn lingvojn, malgraŭ iliaj malfacilaĵoj".

En Francujo, oni instruas fremdan lingvon en multaj lernejoj, sed la rezultoj ne estas pli grandaj ol tiuj de aliaj landoj.

En la elementa lernejo en Norvegujo oni instruas la anglan lingvon.

En Svisujo dua lingvo estas deviga k.t.p. Ni povas konstati, ke sekve de la necesaĵo de kultura kaj ekonomia interrilato kun aliaj landoj oni favoras la anglan, francan kaj germanan lingvojn.

# Brazilo.

**Organiza Komitato de la 8a Monda Kongreso de Edukado decidis alpreni Esperanton.**

Laŭ propono de Prof. Jonathas Serrano la Organiza Komitato de la 8a Monda Kongreso de Edukado, kiu okazos en Rio de Janeiro dum la monato aŭgusto 1939, decidis alpreni Esperanton kiel unu el la oficialaj lingvoj de la kongreso. Tiun decidon oni sendis al la Monda Federacio de Edukaj Asocioj en Usono, kiu iniciatis la edukadajn kongresojn, por fina aprobo.

La prezidanto de la Organiza Komitato estas Prof. F. de Azevedo, kiu, kiel direktoro de la Publika Instruado en Rio de Janeiro, akceptis la proponon de Prof. J. Serrano por la uzado de Esperanto en la Lerneja Interkorespondado, kaj vicprezidanto Prof. M. Lourenço Filho, unu el la aprobintoj de la rezolucio de la Brazila Konsilistaro de Edukado,

# Germanujo.

**Interŝanĝo de lernantoj.**

En 1938 la nombro de „interŝanĝlernantoj" denove estis pli granda ol en la antaŭa jaro, nome 5094. Kun Anglujo 888, Francujo, Svedujo 650, Finlando 164, Norvegujo 140, Usono 130.

**Preskaŭ ĉiuj lernantoj estas membro de la „Hitlerjunularo".**

En Württemberg ekzemple 89,7%, en 1938 ; kaj 8% apartenis al aliaj naciasocialistaj organizacioj.

**Manko de instruistoj.**

La „Deutsche Erzieher" („germana edukisto") publikigas anoncojn el la gazetoj, por montri, ke multaj instruistoj serĉas alian profesion. Ĝi rimarkas, ke la manko de instruistoj kreskas, ĉar multaj iras en la komerco aŭ la industrio, kie oni povas gajni plimulte kaj progresi plibone. Germana instruisto gajnas monate de R.M. 209.75 ĝis R.M. 362.88, kaj lernejestro de R.M. 250,96 ĝis R.M. 395,80.

**Kristnasko en la germana lernejo.**

La „Germana Asocio de Geinstruistoj" kontraŭagas jenajn, kiuj volas doni religian karakteron al la lerneja kristnaskfesto. La festo estu „Kristnasko de la popolo", kaj montru en ludoj la batalon inter lumo kaj mallumo, inter bono kaj malbono.

---

En „Heroldo de Esperanto" ni trovis la suban artikolon, kiu laŭ nia opinio estas sufiĉe grava por esti represata.

# Rifuĝontoj !

Ni ricevis la sekvantan informon de la Melbourne Esperanto-Klubo (Aŭstralio), kaj ĝi certe estos tre utila al tiuj, kiuj havas amikojn kiuj deziras transmigri. Kiam oni deziras skribi al Aŭstralio, oni povas ŝpari min. 3 semajnojn sendante la leteron al la Centra Oficejo de I.E.L. (Heronsgate, Rickmansworth, Herts., Anglujo), kiu transsendos ĝin aerpoŝte. Tiuokaze bonvole kunsendu unu respondkuponon kontraŭ la afranko.

I.E.L.

* *
*

La Komitato por Rifuĝintoj de la Melbourne Esperanto-Klubo, Aŭstralio, konsilas :

1. La registaro de Aŭstralio nuntempe invitas la enmigradon de rifuĝontoj, sed nur laŭ kondiĉoj ne facile plenumeblaj.
2. Se la rifuĝonto havas 1000 funtojn aŭ pli, skribu al **The**

**Migration Branch, Aŭstralia House, Strand, London W.C. 2, Anglujo,** kaj eble la eniro en nian landon estos iom faciligita. La 1000 funtoj devas esti en formo de valoro **transigebla al Aŭstralio.**

**Por rifuĝontoj — ĉu riĉaj, ĉu malriĉaj.**

3. Komence skribu al la plej proksima Brita Konsulejo aŭ al the Migration Branch k.t.p. (vidu supre), klare montrante la sekvantajn detalojn: Nomo, Aĝo, Adreso, Nacieco, Sekso, Okupo, Religio, Aliaj faktoj (Skribu klare!).

4. La Brita Konsulejo aŭ la Migration Branch informos la petinton pri la necesaj kondiĉoj, de kies ĉefaj punktoj estas unu:

a. Rasaj kaj Politikaj Rifuĝontoj el Germanujo, Aŭstrujo, Ĉeĥo-Slovakujo, kaj ankaŭ Poloj, Rumanoj, Hungaroj kaj Italoj ricevos preferon. k.t.p.

5. *Malriĉaj Rifuĝontoj*, sen amikoj en Aŭstralio, devas sendi peton al Department of the Interior, Canberra, A. C. T., Aŭstralio, aŭ al The Secretary, Victorian International Refugee Emergency Council, Melbourne, Aŭstralio.

6. Kiam oni ricevas la permeson, oni devas sendi 1 funton (£ 1.—) al la Department of the Interior, Canberra, A. C. T., Aŭstralio.

7. En okazo de neordinara prokrasto inter la konsento pri permeso kaj ricevo de ĝia skriba transdono al la enmigremulo, aŭ en okazo de rifuzo aŭ malakcepto, amikoj de rifuĝontoj-petantoj devas skribi al Victorian Refugee Appeals Committee, 169 Exhibition Street, Melbourne, Aŭstr. Skribe donu ĉiujn detalojn jam donitajn al la Department of the Interior, laŭ dokumento 40.

8. Numero 7 precipe koncernas amikojn en Aŭstralio. Ili devas kontakti kun Commonwealth Investigations Department Branch en la ĉefurbo de la ŝtato, en kiu ili loĝas, aŭ kun la Department of the Interior, Canberra, A. C. T., Aŭstralio, por havigi al si dokumenton 40 (2 ekz.ojn).

* *
*

La Esperantistaro en Aŭstralio ne estas granda laŭ nombro aŭ laŭ posedaĵoj, kaj tial ne povas fariĝi mem garantiantoj, kiom ajn ili tion dezirus.

La Esperantista Komitato de la Melbourne Esperanto-Klubo estas preta ricevi monon por enmigremuloj kaj deponos ĝin en sekura Banko de Aŭstralio por individuoj kaj zorgos, sen individua respondeco, pagigi tiun monon al la enmigremulo post lia enmigro.

Melbourne Esperanto-Klubo.
P.O. Box 2212 T, Elizabeth Street,
Melbourne, Aŭstralio.

---

# 31-a Universala Kongreso de Esperanto

Bern, Svislando
29a de Julio-5a de Aŭgusto 1939.

**Adreso por leteroj :** 31-a Universala Kongreso de Esperanto, Bern.

**Kotizoj :** Sv. frk. 30.—. La edzo aŭ edzino, same gejunuloj ne pli ol 20-jaraj pagas la duonon de tiu ĉi sumo.

Plej oportune vi pagas al nia poŝtĉeka konto III 11611, aŭ per monbiletoj aŭ al Schweiz. Volksbank, Bern.

Pagejoj : por Britujo, B. E. A., 142, High Holborn, London W. C. 1.

por Danujo, Dansk Esperanto-Rejsebureau, Jernbanegade 22, Nyköbing F.

por Estonio, Esperanto-Asocio de Estonio, Postkast 6, Tallinn.

por Nederlando, Vojaĝoficejo de „LEEN", v. Tuyll Serooskerkenplein 33, Amsterdam-Z.

por Norvegujo, Esperanta Turista, Komisiono, Boks 353, Stabekk.

por Polujo, Inĝ. Michal Chmielinski, ul. Krasinskiego 4, Torun.

por Svedujo, Esperanta Turista Komisiono, Tegelbacken, Stockholm.

por Francujo, SFPE, 34, rue de Chabrol, Paris 10e.

**Karavanoj** : Ni estas informataj pri karavanoj el la jenaj landoj : Britujo, Danujo, Estonio, Francujo, Nederlando, Norvegujo, Svedujo kaj Usono. La adresojn vidu sub „pagejoj", krome : J. Telling, Schietbaanlaan 106-a, Rotterdam-C., kaj G. A. Connor, 162 West 13 Street, New York City.

Por landoj nemenciitaj informiĝu ĉe la firmo Cook pri karavanoj

**Skolta tendaro** : informojn petu de f-ino G. Merz, Falkenweg 9, Bern.

**Vizoj** : Kongresanoj el Bulgarujo, Grekujo, Hispanujo, Jugoslavujo, Polujo, Rumanujo, Rusujo, Turkujo kaj Sennaciuloj prezentu en svisa ambasadorejo aŭ konsulejo sian kongreskarton por ricevi senpagan vizon. Kongresanoj el aliaj landoj NE bezonas vizon por eniri Svislandon.

**Aliĝoj** : ĝis 15. 5. 1939 aliĝis 581 el 24 landoj.

---

# La Internacia Esperanto-Ligo

(Centra Oficejo : Heronsgate, Rickmansworth, (Herts), Anglujo) petas nin represigon de la suba artikolo

**Geesperantistoj !**

La konataj okazintaĵoj de la lasta tempo kaŭzis, ke denove nia Movado perdis en kelkaj landoj kaj regionoj amason da bonaj, fervoraj kaj agemaj adeptoj kaj laborantoj por la ideo de la internacia

lingvo. Tiun ĉi pli ol dolorigan fakton ni bedaŭrinde ne povas ŝanĝi, ĉar ĝi superas niajn fortojn kaj troviĝas ekster nia povo.

Tamen, ĝuste tial, estas urĝe necese, ke ni ĉiuj ekagu ankoraŭ pli intense, energie, ofereme kaj unuece en tiuj landoj, kie ni havas plenan aŭ almenaŭ partan agadliberecon. Tion ĉi postulas de ni ne nur la interesoj de la Esperantismo, sed ankaŭ la kulturo kaj progreso de la tuta homara socio, al kiu ni deziras helpi pere de la internacia lingvo.

Kvankam en la privata vivo ĉiu el ni havas sian propran opinion pri la solvomaniero de la gravaj demandoj kaj problemoj, premantaj la hodiaŭon, kvankam ĉiu el ni havas siajn proprajn mondrigardon kaj ideologion, kaj eĉ rilate al la socia rolo de la internacia lingvo niaj opinioj kelkfoje eble malsamas, tamen ni ĉiuj havas unu tre fortan deziron kaj unu grandan celon :

**La progreson kaj finan venkon de Esperanto ;**

Ne ekzistas do malhelpo, ke surbaze de tiu ĉi celo ni ĉiuj komune kaj amike kunlaboru por atingi ĝin kiom eble plej baldaŭ. Tial ni turnas nin al vi ge-Esperantistoj tra la tuta mondo :

Subtenu viajn Esperantistajn organizaĵojn, viajn klubojn kaj societojn, viajn landajn kaj fakajn asociojn. Aparte subtenu la plej grandan kaj plej fortan, vian kaj nian

**Internacian Esperanto-Ligon.**

**Ĝia neŭtraleco** ebligas al ĉiu membriĝi.

**Ĝia demokrateco** garantias al ĉiu plene libere esprimi sian opinion kaj tiamaniere influi la gvidadon de la Movado.

**Ĝiaj taskoj kaj celo** estas samtempe ankaŭ viaj.

Aliĝu, do, multnombre, ĉiuj senescepte, al ĝi, ĉar I.E.L. bezonas vin kaj vian moralan helpon precipe en la hodiaŭa kriza kaj malluma epoko. Memoru bone, ke subtenante I.E.L.on, vi subtenas la Movadon kaj progresigas la Esperantismon.

Eble vi ne povos rimarki tujan rezulton de via subteno, sed estu certaj, ke via laboro pli aŭ malpli frue donos bonajn fruktojn, ĉar post la malluma nokto devas sekvi ankaŭ hela tago.

Optimisme kaj kuraĝe antaŭen !

**Unueco estas forto !**

Por la Internacia Esperanto-Ligo,

*Prezidanto :* Int.-Generalo L. Bastien, Paris.
*Vicprezidanto :* E. Malmgren, Stockholm.
*Estraranoj :* D-ro P. Kempeneers, Bruxelles.
D-ro I. Lapenna, Zagreb.
A. C. Oliver, London.

## Grava komitato

formiĝis antaŭ kelka tempo en la nederlanda rezidenca urbo Hago. Tie kunvenis gvidantaj personoj el la industrio, komerco kaj trafiko, kaj fondis la „Komitaton por la Praktika Aplikado de Esperanto". En ĝi partoprenas Sro Dro J. Bierens de Haan kiel reprezentanto de la „Ned. Societo por Industrio kaj Komerco"; Sro Dro Iro M. H. Damme, direktoro de la Ned. Poŝto, Telegrafo kaj Telefono: Sro P. J. de Kanter, direktoro de la „Banko de Ned. Komunumoj", prezidanto de la Unuiĝo „Nederlando en la Eksterlando"; Sro Barono C. R. T. Krayenhoff, prez. de la „Ned. Ĝenerala Unuiĝo por Fremdultrafiko"; Sro Dro E. E. Menten, bankiero; Sro Dro S. J. R. de Monchy, urbestro de Hago; Sro Iro P. F. S. Otten, direktoro de la Philips-Lampofabrikoj en Eindhoven; Sro A. Plesman, direktoro de la Reĝa Aervetura Kompanio de Nederlando kaj Kolonioj.

La unuaj fruktoj de la komitato estas grandaj kursoj por la policistoj en Hago (132 partoprenantoj), kaj la decido de la mondkonataj Philips-fabrikoj en Eindhoven, uzi Esperanton, aplikante ĝin paralele kun aliaj lingvoj ĉe siaj reklamaj kaj informaj presaĵoj plurlingvaj.

---

## Al niaj amikoj en Ĉeĥo-Moravio!

Pro la relative granda nombro da TAGE-anoj en Ĉeĥoslovakio ni siatempe konsentis, ke vi pagu por TAGE kaj IPR la rabatitan kotizon de Kč 20.—. Tiu ĉi nombro reduktiĝis je preskaŭ duono. Por ke ni ĝuste nun ne devu plialtigi la kotizon, ni volonte akceptis la proponon de nia agento por Ĉeĥo-Moravio, nome: Niaj ĉeĥaj legantoj pagos ankaŭ estonte nur K. 20.—, sed de la 1-a de januaro k.j. ili ne plu estas TAGE-anoj kaj restas n u r a j a b o n a n t o j de IPR.

Tiu ĉi aranĝo kontentigos ne nur la administracion de nia f a k a k a j n e p o l i t i k a organo, sed ankaŭ — kiel ni firme esperas — ankaŭ niajn amikojn en Ĉeĥo-Moravio.

P. KORTE.

---

# Esperantaj Libertempejoj.

Ni esperas, ke multaj gekolegoj vizitu la Kongreson en Bern. Por tiuj, kiuj tion ne volas aŭ povas, ni donas kelkajn informojn pri Esperantistaj Libertempejoj.

De 17 julio—14 aŭg. okazos kursoj en Helsingör, en la altlernejo. Informojn donas S.-ro Rich G, Nielsen, Nörregade 21, Rudköbing, Danlando.

De 27 julio—1 aŭg. okazos feriorestado en Risskov, kaj de 1—11 aŭg. en Ry. Adreso: Ges.-roj Grönborg, Rosenvej 8, Risskov St., Danlando.

De 1—8 julio okazos internacia semajno en Malo-les-Bains, (je 2 km. de Dunkerque), en la esperantista pensiono-hotelo „Eole". Adreso: „Esperanto", Dunkerque, Francujo.

De 3—15 julio okazos kursoj en Kiggbyholm apud Stockholm. Adreso: Sveda Esperanto-Instituto, Tegelbacken, Stockholm, Svedujo.

En PORNICHET (Loire inférieure) ĉarma marbanloko kaj GERARDMER fama turista centro en montaro „Vosges" okazos de la 3-a ĝis la 27-a de aŭgusto 1939 esperanto-kursoj kaj ferioj aranĝitaj de la esperantistaj geinstruistoj (Grupo Edukistara Esperantista: G.E.E.).

Oni lernas ĉiumatene, kaj ekskursas, promenadas, k.t.p. ĉiuvespere.

Eksterlandanoj estos tre bonvenaj; ili venu multnombraj kaj certe ŝatos la agrablan restadon.

Kontraŭ respondkupono sendas detalajn informojn: (S-ro) H. Micard, Epineux le Seguin, Laval-annexe, (Mayenne), Francujo.

---



# Bibliografio.

En Bulgarujo aperis de Elin Pelin. *Kvar Rakontoj*. Tradukitaj el Bulgara lingvo. Liveras la tradukinto At. D. Atanasov-Ada, Sofia (Bulg.) Str. Gladstone 48. Prezo 1 Internacia Respondkupono.

Traduko bona de mallongaj rakontoj pri monaĥa kaj kamparana vivo, kun 3 ilustraĵoj.

Pri la *Unua Eŭkaristia Esperanto-Mondkunveno* verkis Dro F. Erdey detalan historion kun multaj interesaj fotoj. Multaj faktoj kiuj montras ke la budapestaj aranĝintoj post gravaj malhelpoj tamen atingis konsiderindajn rezultatojn.

El Litovujo ni ricevis: *„El Litova Poezio"*. Tradukis kaj kolektis P. Lapiené. 200 paĝ. 19 × 12 cm. Prezo 3 lidoj (0.5 USA dol., 2 ŝ. 6 p., 2.2 sv. fr., 18 fr. fr., 1 ned. guld.)

Sur pli bona papero 4 lidoj (0.75 USA dol., 3 ŝ., 2.5 sv. fr., 24 fr. fr., 1.3 ned. guld.)

Havebla ĉe Litova Esperanto-Asocio, Zemaiĉiu 15, Kaunas, Litovujo.

Krom konciza priskribo de la litova literaturo, la libro enhavas poemojn de pr. 50 poetoj. La traduko estas tre bona. Al ĉiu esperantisto, kiu ŝatas poemojn, ni senrezerve povas rekomendi ĉi tiun kolekton, kaj li koniĝos kun literaturo ĝis nun ne atingebla por li pro lingvo-baro. La tradukinto mem diras pri tio:

„Litova poezio, same kiel tiu de aliaj malgrandaj popoloj, estas preskaŭ ne alirebla por alinacianoj, pro la lingvaj baroj. Dezirante iom konigi la litovan animon almenaŭ al la Esperantistaro, mi ekuzis la dudekan datrevenon de litova liberiĝo por prezenti esperantlingve kelkajn specimenojn de litova popola kaj arta poezio. El la multmila trezoro de ĝis nun kolektitaj litovaj popolkantoj mi elektis kaj grupigis la tradukojn tiamaniere, ke ili reprezentu la ĉefajn specojn de litova popola liriko. En kontakto kun Litova Verkista Asocio mi elektis la poetojn plej karakterizajn por la respektiva epoko aŭ literaturdirekto".

Ĉe la sama asocio aperis „V i o l e t o j", 50 originalaj kaj tradukitaj poemoj de B. Giedra. Rekomendinda, laŭ lingvo kaj preso. Prezo: 0.25 dol.

Denove aperis du numeroj de **Muusses Esperanto Biblioteko** (Redakcio J. Glück, T. Jung, kaj J. H. J. Willems).

No. 18 estas *„Flugado alimonden"*, originale verkita en Esp. de Ernest Dodge, kiu kondukas nin per mondspacraketo al Marso, Luno k.t.p.

De la konata bulgara verkisto Jordan Jovkov estas No. 19, *„Patro kaj filo, kaj aliaj rakontoj"*, ankaŭ tre leginda libreto, Po f 0.35 aŭ 3 resp. kup., serio de 10 num. f 2,50 aŭ 20 resp. kup., ĉe via libro-servo aŭ ĉe J. Muusses, Purmerend, Nederlando, ĝiro num. 15062.

Libroservo F.L.E., Amsterdam, eldonis *„Fontamara"*, de I. Silone, el itala lingvo trad. de A. Anĝelo kaj J. v. Scheepen.

Antaŭ kelka tempo aperis „R a k o n t o j p r i N e d e r l a n d o", („Suite Hollandaise"), de Georges Duhamel, trad. de Roland Dupuis. Nun denove Sro Dupuis tradukis verkon de Duhamel, „Chant du Nord", en Esperanto: „N o r d a K a n t o". Ambaŭ libroj, tre elegant-aspektaj kaj ilustrita, kostas po f 0,60, (pl. f 0.10 por sendkostoj); haveblaj i.a. ĉe R. Dupuis, Rijksstraatweg 251, Haarlem, (Nederlando). Ĝiro 321420.

Nia simpatia T.A.G.E.-anino kaj fervora propagandistino en la malaperinta ĉeĥoslovaka respubliko, J u l i e Ŝ u p i c h o v á, ĵus verkis ĉeĥlingvan ĝeneralan informilon pri Esperanto (lingvo kaj movado) sub titolo: **„Zajimate se o Esperanto?"** (*ĉu Esperanto interesas*

*vin ?)* Eldono ; *Bes, Potŝtejn.* Por ŝia bonvola mencio de nia asocio kaj ĝia laboro ni amike dankas.

En la **serio de esperantistaj popoledukaj kajeroj,** kiujn redaktas Jozefo de Mihalik profesoro, afergvida prezidanto de Hungara Esperanto-Federacio, aperis la tria, belege ilustrita **kajero pri Sankta Stefano**, la unua reĝo de hungaroj. Ankaŭ tiu kajero, kune kun la ĝis nun aperintaj kajeroj, servas por konatigi la hungaran kulturon, historion kaj landon al eksterlandaj samideanoj.

La kajero estas mendebla ĉe la redaktoro J. Mihalik SASHALOM, Hungarujo. -La unua kajero estas skribita pri Francisko Rákóczi la II-a, la dua kajero pri Hungaraj brodaĵoj. La prezo de unu kajero estas 2 respondkuponoj ; kiu mendas kune la 3 kajerojn, ricevos ilin por 4 respondkuponoj.-

LA JARLIBRO DE I.E.L. — 1939.

Neaĉetebla, sed ricevebla nur de individuaj membroj de I.E.L. Bazaj kotizoj : Membro kun Jarlibro 4 angl. ŝil. : MA, 10 ŝil. ; MAH, 18 ŝil. ; MS, 25 ŝil.

En kelkaj landoj ekzistas specialaj kotizoj en la landa valuto. Aliĝiloj estas haveblaj ĉe Internacia Esperanto-Ligo, Heronsgate, Rickmansworth, Anglujo, aŭ ĉe Landaj Ĉefdelegitoj kaj Perantoj.

---

# La Milittempa Edukado en Ĉinujo.

Kompreneble estas granda malfeliĉo-nia ordinare pacema edukado sendube estas minacata de la severa katastrafo kaj suferas en la milittempa stato. Tamen, mi trovas ĉie la pacaman kaj harmonian sintenadon en ĉiu lernejo, precipe multe da admirindaj klopodoj de ĉiu lerneja infano kaj ĉiu studento de l' universitato kaj gimnazio rekte kunhelpi al nia antifaŝisma defendmilito. Post la rezistmilito, nia provinca ĉefurbo, Junnanfu (Kunming) sendube estas la plej trankvila loko el ĉiuj postfrontaj. Multe da geknaboj kaj gejunuloj de kelkaj provincoj el la fronto ĉiuj alvenis al Junnanfu, kie ŝajne estas iliaj rifuĝejoj. Eĉ ĉiu infana lernejo en nia loko, akceptis jam multajn aliprovincajn geknabojn, kiuj estis amataj kaj bonvenataj de nia lokaj infanoj kiel siaj familiaj gefratoj.

Precipe ni sentas kontentecon, vidante, ke multe da lernejaj geknaboj jam ĉie kaj ĉiam oferemas siajn energiojn por niaj luktoj sur la fronto. Pasintan aŭtunon, mi rememoras, niaj frontoj bezonis pli ol 100.000 da vintraj uniformoj por la bravaj batalantoj. Dume, mi vidis ĉie kelkajn lernejajn infanojn eniri la tetrinkejojn, kinematografejojn kaj la teatrojn. Ili postulis sincere de kiu ajn, kiun ili renkontis : „Sinjoro (-ino), bonvolu monoferi iom por la frontabatalantaro, mi petas".

Iutempe mi vidis, ke ĝentila instruistino kune kun kelke da lernantoj eniris filmteatron. Ŝi demandis ĝentileme al mi: „Nia kara instruisto, ĉu vi volus monoferi iom laŭ via plezuro por la vintraj uniformoj de nia defendbatalantoj?" Kvankam mi jam multe oferadis, mi ree donis. Samtempe mi pensis, ke nia milittempa edukado en la elementa lernejo estas plej konvena kaj kontentiga.

La japanaj militistoj scias bone, ke nia loko, Junnanfu, estas la kvieta regiono. Tial ili ofte vizitas nin per la teruraj aviadiloj kaj donacas al ni la abomenajn bombardojn. Ĉiumatene tial la lernejo ne malfermiĝas. Niaj geknaboj tiam vizitas la ĵurnalejojn, tre volonte eksciante la gravajn novaĵojn, kaj ankaŭ kunportante la ĵurnalojn, por disaĉeti ilin al la piedirantoj en la strato.

Tamen niaj gimnazioj kaj universitatoj en nuna milittempo evidente esprimas sian grandan oferemon, varbante la monoferadon kaj disvastigante la propagandon por „defendi la mondpacon kaj ĉinan sendependon". Ilia plej bona plenumo, kiu estas aplaŭdata de la popolamaso, estas ilia drama prezentado kaj ilia laŭta kantado de la tre emocia kantaro. Iufoje ili ankaŭ organizas grupojn por propagandi en tre malproksimaj distriktoj.

Ĉiu studento de l' universitato aŭ gimnazio tute gvidas soldatan vivon, kaj ĉiu lernanto de l' elementa lernejo tute vivas kiel skolto. Ĉiu el ili estas optimisto kaj esperplena iros al la fronto por defendi kaj respekti la pacon de la mondo kaj la nacian sendependecon.

Chang Ching-Chiu
Agento de T.A.G.E. en Ĉinujo.

---

Al
la anaro de T. A. G. E.

Tre estimataj gesamideanoj.

Vi certe miris prí tio, ke post la tria numero de I. P. R. de la jaro 1939a, vi ne plu ricevis la revuon. La kaŭzoj estas jenaj:

1a. Multaj anoj en kelkaj landoj devis eksiĝi.

2a. En aliaj landoj diversaj anoj ne plu povis sendi siajn abonkotizojn al ni.

La mono, sendita de la restanta anaro, ne sufiĉis por regula eldono de nia revuo. Ĉi tiuj cirkonstancoj certe daŭros dum la nuna milito. Tial la laborkomitato de T.A.G.E. decidis en sia kunveno de la 24a de januaro pasinta:

1a. T. A. G. E. petas de siaj anoj por la tri eldonitaj I. P. R. numeroj la duonon de la jarkotizo.

2a. La jam pagita sumo por la 4a, 5a kaj 6a numero restos en la T. A. G. E. kaso, ĝis kiam la estraro denove eldonos la revuon. Tiam la jam pagintaj membroj ne devos pagi por la unuaj tri numeroj.

3a. La laborkomitato ĉiam informos per flugfolioj la anojn pri ĉiuj T. A. G. E. aferoj, kiuj interesos ilin.

4a. La korespondadoficejo daŭrigos sian laboron. Do, T. A. G. E. ne malaperos, sed ĝi restos atenta, por ke ĝi tuj post ŝanĝo de la cirkonstancoj, povu agi. La estraranoj ne apar[illegible] al tiuj homoj kiuj malesperas al la estonteco. La nuna mondo ne ŝajnas

Ekster de la supernomitaj decidoj la estraro ankoraŭ decidis, ke ĉiu ano de T. A. G. E., kiu serĉas en fremdaj landoj (ankaŭ en landoj kiuj militas kontraŭ sia propra lando), parencojn aŭ kolegojn, pri kies ekzisto aŭ bonfarto li dubas, turnu sin al la sekretario de T. A. G. E., Sro. K. H. SPORTEL, Nieuw-Scheemda (Nederlando), kiu faros sian eblon por efektivigi kontakton. Por ĉi tiu celo la estraro en ĉiuj landoj serĉas anojn, kiuj ne devos deĵori en la armeo, kaj kiuj volos kunlabori kaj, se necese, turni sin al la kompetentaj aŭtoritatoj.

Plue ni komunikas vin, ke pro deviga milita servado de Sro. P. KORTE, vi ĉion, rilate al la administracio, devos sendi al Sro. D. J. LEHNEN, Verl. Zuiderstraat 36, HOOGEZAND (Nederl.)

Ni petas ĉiujn, kiuj ne pagis por 1939a la abonkotizon, sendi 1.25 guld. al la kasisto, Sro. A. v. HAGE, Zuidwending, VEENDAM (Nederl.); poŝtkonto: no. 9715.

Kaj nun:

„La verdan standardon tre alte ni tenos;
Ĝi signas la bonon kaj belon.
La forto mistera de l' mondo nin benos,
Kaj nian atingos ni celon.
Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakas kaj ili ekbruos,
Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
Ekregos sur tero.

(El: Preĝo de Dro. Zamenhof).

En la nomo de la laborkomitato, samideane, via

K. H. SPORTEL, sekretario.

NIEUW-SCHEEMDA (Nederl.), Jan. 1940a.




# T.A.G.E.

## TUTMONDA ASOCIO DE GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ

# BIBLIOTEKO

REDAKCIO:
P. KORTE
SCHOOLSTRAAT 13
VEENDAM
(NEDERLAND)

VEENDAM, la 22-an de Julio

Kara samideano kaj amiko.

Post longa,longa suferego,fare de la germanaj banditaĉcoj,ni feliĉe povos denove libere spiri en nia malfeliĉa lando.Materie kaj spirite ni sidas sur la ruinigitaj postrestaĵoj ,kaj mia popolo,antaŭe tiom bonfarta,nun apartenas inter la malriĝigitaj,preskaŭ nenion havantaj loĝantoj de nia kontinento.Tamen ni ne perdis la kuraĝon kai iom post iom ni klopodos rekonstrui tion,kion la fiularodetruis.Ankaŭ nia por-esperanta laboro travivis la kaoson,kvankam multe perdiĝis,sed ankaŭ sur tiu tereno ni,Nederlandanoj volas fari rekonstran laboron. La germanaj krimuloj forrabis la kartotekon kaj la kason de TAGE,do ĉi ĉiuj adresoj de la antaŭaj anoj estas for.Ne gravas tamen;ni povos ligi novan kontakton kun samideanaj kolegoj en tutmondo.Unue mi volas tial demandi al vi pri la nova farota laboro,ĉar vi loĝas en lando, kie la esperanto-movado ne stagnis.kaj kie vi pli bone ol ni povos [illegible]

1.Kie ni koncentros la novan direktan centron por TAGE:(kompreneble mi volonte kunlaboros kiel antaŭe.)
2.Kiamaniere ni fondos novan estraron.aŭ ĉu mi ĉi tie restarigos la malnovan?)
3.Se mi faros la unuajn provojn por la interlanda kontakto,tiam bv. sendi al mi la ankoraŭ ĉe vi restantan bonhavan sumon de nia organizo por ke mi povu fari la provizoze necesajn elspezojn por kelkaj cirkuleroj,k t.p.
4.Post tiu kontaktprovo ni espereble atingos kelkajn kolegojn,kun kiuj ni per korespondo aŭ ia interligilo povos pridiskuti la formon laŭ kiu TAGE restariĝos.
Mi sendas ĉitiun leteron al: W.Russell Hamilton .Anglujo
Brita Esperanta Asocio .London.
Oscar Svantesson .Göteborg.
Bj.Beckman . Karlskrona ?????
Fr. Ahnfeldt. Torskors Svedujo.
I.E.L. Anglujo.
laŭ la malnovaj,ĉe mi rstantaj adresoj, esperante ke la leteroj alvenos.Bv. komuniki al mi la ĝustajn adresojn kaj antaŭ ĉio, bv. respondi tuj.

Samideane kaj denove plenkuraĝe
volonte via:

P.Korte.



# Korespondoficejo

adreso : K. H. SPORTEL.
sekretario de T. A. G. E.
NIEUW-SCHEEMDA (Nederl.)

## Geinstruistoj :

Sro. Vilém Kolár Pozorice u. Brna, Prot. MORAVIO.
Fino Jeanne Dedieu, 13 r. Belfort PRADES. Pyr. Or. Francujo.
(ĉiam adresojn de geinstruistoj kaj eventuale aliaj profesiuloj; menciu viajn aĝon, profesion, deziron.)

---

## Gelernantoj :

Sino L. Vaskis. Priezu iela N-2—49. RIGA. Latvio.
Sino V. Danilov. Tilta iela N-2/4—33. RIGA. Latvio.
Sino S. Meilach. Jumaras iela N-11—4. RIGA. Latvio.
Sro E. Koviks, Vitolu iela N. 6—4 RIGA Latvio.
Sro. S. Vaskis. Priezu iela N-2—49 RIGA. Latvio.
(ĉiuj pri seriozaj temoj; ili interŝanĝas vidaĵkartojn.)
Sro Dimo Nikolov Dimov. str. „Ljuben Karavelov 15 POPOVO. Bulgarujo.
(18 jara-gimn.ano. Pri geografio kaj literaturo. Resp. gar.)
Sro Iv. Kolev Dimitrov v. Gagovo. POPORSKO. Bulgarujo.
(gim.ano; certe respondos al ĉiuj.)
Sro. Bogdan Dimitrov Dimov v. Gloginka. POPORSKO. Bulgarujo.
(gimnaziano.)
Fino Jeanne Dedieu, 13 r. Belfort. PRADES. Pyr. Or. Francujo.
(adresoj de infanoj aŭ gejunuloj; unuope aŭ kolektive. Nepre menciu viajn adresojn, aĝojn kaj dezirojn.)

45 gelernantoj (knaboj kaj knabinoj de 12—14 jaroj) nederlandaj deziras korespondi per belaj il. poŝtkartoj kun geamikoj el ĉiuj landoj. Adreso ĉe la instruisto, kiu respondon garantias: Sro P. KORTE, Schoolstraat 13. VEENDAM (Nederlando).

---